# La Bulteneto

Numero 17 ☼ René de Saussure - Jaro 2018

ISBN 978 3 903247 05 5



# SCHIELE BRUS PALME




Ekspozicioj en Leopold-Muzeo
ĝis la 4a de novembro 2018 (Schiele)
respektive ĝis la 11a de junio (Brus kaj Palme)



# La Bulteneto

Numero 17 ✡ Jaro 2018.
Eldonistoj: Renate kaj Walter Klag.

Redaktejo kaj presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien-Vieno, Aŭstrio.
La cifereca versio estas senkosta.
Informoj pri la tarifoj de la presita versio kaj anoncoj:
esperanto@chello.at.
Papero: Papyrus Color Copy 120 g $m^{-2}$.

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj:
Calibri (teksto),
Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace:
Österreichische Nationalbibliothek Wien – Aŭstria Nacia Biblioteko Vieno;
CDELI, La Chaux-de-Fonds, Svisio;
Germana Esperanto-Biblioteko, Aalen, Germanio;
Biblioteko Hector Hodler de UEA, Roterdamo, Nederlando;
Interkultura Centro Herzberg, Germanio;
aliaj bibliotekoj post peto.



Bildoj:
Paĝoj 1, 5, 8: Leopold-Muzeo
Paĝoj 7, 9, 10, 18, 19: Walter Klag



Prononcoj: Saussure [sosűr], Schiele [ŝile], Leopold [léopold].

# Tri teruraj infanoj

La ekspozicio „Absturzträume“[1] (Kraŝo-Koŝmaroj) montras bildojn de tri „teruraj infanoj“ el tri generacioj. Temo estas la homa korpo sub la influo de timo, angoro, devoj, volupto, malfortigaj sentoj pro elĉerpiĝo kaj nesufiĉeco. Antaŭ pli ol cent jaroj Egon Schiele (1890 - 1918) provokis la konserveman publikon bildigante la nudan korpon. Post proceso juĝisto bruligis publike unu el liaj bildoj. Jam kiam Schiele estis junulo, lia patro bruligis liajn skizojn, kvankam li subtenis la talenton de sia filo. Sesdek jarojn poste Günter Brus (*1938) kaŭzis skandalon surscenigante obscenaĵon (laŭ la tiama opinio) en la Viena Universitato. Unu generacion poste ankaŭ Thomas Palme (*1967) montras la abismojn de la homa psiko. Ĉiuj tri estas obseditaj desegnistoj, provokuloj kaj iasence ankaŭ poetoj. Kelkaj poemoj de Schiele videblas en la ekspozicio. Brus kaj Palme ofte ornamas siajn desegnojn per ironiaj tekstoj.

# Egon Schiele

naskiĝis 1890 en Tulln, Suba Aŭstrio, kie li loĝis kun sia familio. Li desegnis jam kiam li estis ano de la elementa lernejo. 1902

[1] Absturz = subita falo, ofta temo en sonĝoj; Traum, pluralo Träume, havas du sencojn: Revo kaj sonĝo.

li iĝis gimnaziano en Klosterneuburg apud Vieno, kie li fondis pentristan organizon. 1907, pro rekomendo de siaj instruistoj, li iĝis la plej juna studento en la Viena Arta Akademio. Du jarojn poste li fondis la Novartan Grupon. Baldaŭ poste li konatiĝis kun Gustav Klimt (1862 – 1918), kiu iĝis lia idolo. 1910, en Prago, la ekspresionismaj pentraĵoj de Klimt kaŭzis skandalon. Samtempe estiĝis la unuaj ekspresionismaj poemoj de Schiele.

1911 Schiele konatiĝis kun Wally Neužil, kiu iĝis lia vivkunulino kaj plej grava persono en lia vivo.

1912 li akuziĝis pro seksa misuzo je 14jara knabino, kiu estis forlasinta la gepatran domon. Li ne kondamniĝis, sed pro „obscena“ desegnaĵo, kiun la polico trovis en lia dormoĉambro, li devis pasigi tri tagojn en la urba karcero de Tulln, kie aktuale estas Schiele-Muzeo.

1914 ĝis 1918, dum la mondmilito, li devis militservi, tamen li daŭre produktis desegnaĵojn. 1915 li edziĝis al Edith Harms. En tiu periodo Schiele iĝis pli fama kaj sukcesa. En aŭtuno 1918 lia edzino mortis, kelkajn tagojn poste ankaŭ Egon, ambaŭ pro la Hispana Gripo.

Prononcoj: Schiele [ŝile]; Klosterneuburg [klosternojburg], tradukita Klostro-nov-burgo; Wally Neužil aŭ Neuzil [vali nojcil].




BLANKA CIGNO

SUPER LA MUSKE ODORAN
NIGRA-RANDAN PARKLAGON
GLITAS EN
ĈIELARK-KOLORA ŜAŬMO
LA ALTA , KVIETA , RONDA
CIGNO

EGON SCHIELE 1910

# Günter Brus

naskiĝis 1938 en la Stiria urbo Ardning (Aŭstrio). Kiam li estis 20jara, li ekstudis en la Akademio por Figura Arto en Vieno, sed ne finis la studadon. 1960 li realigis la unuajn neformalajn laboraĵojn. Li konatiĝis kun Otto Muehl, Hermann Nitsch kaj sia posta edzino Anna Steiner.

Brus estis la arta ribelulo de la 1960aj jaroj. Kiel reprezentanto de la Viena Agadismo li okulfrape montris per siaj objektoj la psikan kaj fizikan staton de la homo kontraŭ socialaj reglamentoj. Per sia radikala, korporilata kaj celebrada arto li iĝis pioniro de la internacia celebradoarto.

1960 Brus komencis radikalan gestan pentradon. Li volis eskapi el la konvencia kadro kaj kreis „Spacobildojn“. 1964, en sia celebrado „Ana” la propra korpo estis la centro de la arta diskuto kaj iĝis la projekcia tavolo de la sociaj procedoj.

1968 Brus partumis la tiel nomitan „Universitatan Obscenaĵon” kaj kondamniĝis al karcera puno. Li fuĝis al Berlino kaj okupiĝis kun teatro kaj literaturo. Estiĝis tutaj bildgrupoj. Li kunlaboris kun aŭstraj geartistoj kaj publicis en la gazeto „Die Schastrommel“ (La Furzotamburo). En Berlino estiĝis ankaŭ „La Malofte Aŭdata Muziko”.

Ekde 1970 li okupiĝis ĉefe kun desegnado kaj teatraj laboroj. La eksponaĵoj montris, ke li neniam ĉesis evolui kaj reinventi siajn artistajn rimedojn.

1971 Brus aperigis sian romanon „Irrwisch” (Vaglumo), kiun li mem verkis kaj ankaŭ ilustris. El tio evoluis kombino el literaturo kaj figura arto. Bildoj kaj literoj fluis unu en la alian.




Günter kaj Anna Brus, la 1an de februaro 2018
en muzeo Belvedere 21.

Prononcoj:  Muehl [mül], Nitsch [niĉ], Steiner [ŝtajner].




Benita estu Li!

Thomas Palme: Selfportrait as Father B., 2015
Memportreto kiel Frato B. (= Günter Brus)

Titolbildo: Thomas Palme: L’chaim Bocher, 2017

# Thomas Palme

naskiĝis 1967 en la sudbavaria urbo Immenstadt. Jam dum sia lerneja tempo li obsede ĉie desegnis kaj skizis. 1982 li studis muzikon en Aŭgsburgo. Jam en la sekva jaro li rezignis kaj ekstudis en Munkeno, poste en Vieno kaj fine en Düsseldorf, kie li ricevis diplomon. Malofte li partumis la instruadon. Liaj profesoroj asertis, ke li nenion lernis.
1992 komenciĝis psikozo, ĉar li ne sciis, per kiu mano li desegnu. Palme kapablas desegni same bone per la dekstra aŭ maldekstra mano. Dum eta tempo li laboris ĉe firmao, kiu transportis artajn objektojn.
2000 li loĝis en Berlino, havis gravan krizon, ne povis dormi.
En la sekvaj jaroj li denove komencis desegni kaj iĝis konata per ekspozicioj en Frankfurt ĉe Majno, Berlino, Vieno, Ŝanhajo, Novjorko kaj aliaj urboj. Pro la provokeco de siaj desegnoj li ofte havis problemojn kun la oficialaj ŝtataj instancoj.
Aktuale Palme loĝas kaj laboras en Allgäu, sudokcidenta Bavario.



Thomas Palme (kun ĉapelo) kaj
Roman Grabner (kuratoro, Leopold-Muzeo),
dum gazetara konferenco la 2an de marto 2018.

# Bolardoj kontraŭ teroristoj




Bolardoj en la politikista kvartalo de Vieno.

Teroristoj kaj frenezuloj havas novan metodon: Ili ŝtelas aŭ luprenas kamionon kaj amoke veturas tra strato, kie estas multaj promenantoj. Tian atakon oni timas ankaŭ en la Aŭstria ĉefurbo Vieno.

Ballhausplatz (tio signifas pilkludeja placo), estas la centro de la politikista kvartalo en Vieno. Ĉirkaŭe staras la sidejo de la ĉefministro (Bundeskanzler) kaj la sidejo Hofburg de la ŝtata prezidento de Aŭstrio, lastatempe ankaŭ la provizora parlamentejo de Aŭstrio. En la 19a jarcento la urba muro baris

la rigardon. Ekde la formeto de tiu muro la vienanoj povis ĝui liberan rigardon al la parko kaj la pompaj konstruaĵoj en historiisma stilo. Agrablis la granda, libera areo.

## Nova muro

En septembro 2017 konstrufirmao komencis starigi kvar betonajn blokojn sur Ballhausplatz: Longeco ok metroj, alteco 80 centimetroj, dikeco unu metro. Inter ili tralasejoj kaj 17 bolardoj. Sed estiĝis konfuzo: Kiu mendis tion? Ĉu vere eldiskutita? Oni ŝanĝis la planon: Ne muroj, sed 42 bolardoj protektu la politikistojn. Kostoj: 488 mil €. Tiuj fostoj donu sekurecon ne nur por la politikistoj, sed ankaŭ por la multaj partumantoj de diversaj konferencoj, ekzemple de la Organizo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo en la apudaj Hofburg-salonegoj.

## Protekto ne nur por politikistoj

Ankaŭ aliloke oni volas eviti atakojn per similaj baraĵoj: En stratoj, kie troviĝas multaj magazenoj, aŭ ĉirkaŭ adventbazaroj kaj festejoj. En ĉiu kazo estas dilemo en la decidoj pri novaj baraĵoj: Libereco aŭ sekureco? Kiaj kaj kiom da sekurigaj instalaĵoj sufiĉas, por ke la promenantoj ne sentas sin malliberaj en la ebleco senĝene moviĝi en la urba spaco.

Renate kaj Walter Klag

# 95. Deutscher Esperanto-Kongress

## und

# Französischer Esperanto-Kongress

## und

# Luxemburger Esperanto-Kongress




## Dreiländer-Esperanto-Kongress in Zweibrücken
## 18. - 21. Mai 2018

**Thema: Esperanto - global vernetzt**

Unser Kongressgebäude ist die Hochschule, Amerikastraße 1,
66482 Zweibrücken/Pfalz.

Einige der Programmpunkte:

Stadtführung im Stadtzentrum, Besuch von Europas Rosengarten, Besuch des romantischen Schlosses "Fasanerie", Begegnung mit Pferden auf "Anjas Ranch", Busfahrt nach Pirmasens und Umgebung, Busfahrt nach Blieskastel, Busfahrt nach Bitsch (Frankreich).
Fachvorträge, Internationaler Abend mit Musik und Tanz, Gottesdienst.

Informationen, Kontakt und Anmeldung:

Internationaler Esperanto-Klub Zweibrücken, Postfach 2019, 66470 Zweibrücken

95aGEK@esperanto-reto.eu

# Esperanto in Wien lernen

ESPERANTO

## EINE STUNDE KOMPAKT

**FÜR STUDENTINNEN UND STUDENTEN**

im Café Schopenhauer, Wien 18., Staudgasse 1.
5 Gehminuten von U6 Währingerstraße.
Die Termine erfahren Sie bei

esperanto@chello.at

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Esperanto-Jugend-Lernrunde Wien

für Junge und Junggebliebene,
für alle Sprachniveaus.
Bei der besten, größten und billigsten Pizza Wiens lernen wir in gemütlicher und unterhaltsamer Runde ganz individuell.

**Pizzeria Mafiosi, Wien 15., Reindorfgasse 15**

Termine und Anmeldung: jel_vieno@yahoo.com

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Freie Esperanto-Lernrunde Wien

Termine: kurt.lhotzky@gmail.com

Literaturbuffet, Wien 2., Rotensterngasse 2.
U2 Taborstraße

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende

“Esperanto ist eine hervorragend gelungene Form der Optimierung von Sprache
für die internationale Kommunikation.“
Univ.-Prof. Dr. Heiner Eichner, Wien

# Esperanto-Kongresse für junge Leute

Internacia Junulara Kongreso IJK

Somera Esperanto-Studado SES

Junulara Esperanto-Semajno JES







Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS

Franca Esperanto-Semajno Terure Organizita FESTO

Bei einigen dieser Kongresse kann man mit Steloj zahlen.

1 Eŭro ≈ 4 Steloj  1 Stelo ≈ 25 €-Cent







# SAUSSURE-JARO 2018

## Esperanto kaj Esperantomono furoras

2018 estas Saussure-jaro. Antaŭ 150 jaroj, la 17an de marto 1868, René de Saussure [sosűr] naskiĝis en Ĝenevo. Post la studado de lingvistiko kaj matematiko li skribis sian plej gravan verkon „Pri la vortfarado de Esperanto“.

1907 René de Saussure publicis sian projekton de universala monsistemo, kiun li nomis "Spesmilo“ el la franca vorto "espèce".
1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.







Tiu mono oficiale uziĝis de kelkaj britaj kaj svisaj bankoj. Krome fondiĝis Ĉekbanko Esperantista.

La valoro de Spesmilo estis la sama kiel 0,733 g da puro oro. Ĉar aliaj monistemoj estis ligitaj al la oro, oni povis facile kalkuli: 1 Sm = 2 britaj

Ŝilingoj = 1 rusa Rublo = 0,5 usonaj Dolaroj = 2,5 svisaj aŭ francaj Frankoj = 2,5 hispanaj Pesetoj.

La 1- kaj 2-Spesmilaj moneroj estis kaj estas ŝatataj kolektaĵoj kaj rapide malaperis el la cirkulado. Ekde 1919 Spesmilo havas nur numismatikan valoron.

Aktuale Spesmilo estas la nomo de internacia investa firmao kun la sidejo en Londono: www.spesmilo.com.

1942 fondiĝis Universala Ligo en Nederlando. Tiu mondfedera organizo aktivis por la internacia kompreniĝo kaj universala monsistemo. La nomo de tiu mono estas Stelo. 1960 pregiĝis moneroj kun la nominalo 1, 5 kaj 10 Steloj. Sur la moneroj aperas la jaro 1959. 1965 sekvis tri variantoj kun la nominalo 25 Steloj. Eldoniĝis ankaŭ papero mono en formo de kuponoj.




La Steloj uziĝis por la transpago de etaj sumoj. Ankaŭ tiuj moneroj kaj kuponoj estas hodiaŭ tre ŝatataj de kolektistoj.



2012 Albert Boon fondis la Esperanto-Numismatikan Asocion en Belgio. La membreco estas senkosta kaj mendeblas ĉe bert.boon@skynet.be. Membroj ricevas kvarfoje en la jaro la gazeton "Esperanta Numismatiko" senpage.

2012 junaj Esperanto-parolantoj pregigis plastajn monerojn, kies nominalo estas unu, tri kaj dek Steloj. Aktuale ili uziĝas dum junularaj Esperanto-kongresoj.
La kurzo estas rondigita 1 € = 4 Steloj kaj fiksiĝas denove antaŭ ĉiu kongreso.
La aktualan kurzon oni povas tie vidi:
https://www.facebook.com/pg/plastamono/posts/ .




Okaze de la 150a datreveno de René de Saussure la 17an de marto 2018 eldoniĝis medalo en la formo de 100-Stela monero. Ĝi konsistas el unu unco (31,1 g) da pura arĝento 999/1000. La diametro estas 37 mm. Produktisto estas Münze Österreich AG (Monerfarejo Aŭstria Akcia Kompanio). Münze Österreich estas 100%-a filia kompanio de Aŭstria Nacia Banko. Dezajnistoj estas Mag. Walter Klag kaj Mag. Helmut

Andexlinger, la ĉefgravuristo de Münze Österreich. Helmut Andexlinger gvidas ekde 2016 la gravuristan sekcion de Münze Österreich. En la aŭstria urbo Steyr li sukcese trapasis la gravuristan edukadon. Poste li studis komunikado-sciencon en la Viena Universitato. Unu el liaj plej grandaj sukcesoj estas la dezajno de la 2-Eŭra monero 2012, kiu cirkulas en 17 landoj – li gajnis en konkurso kontraŭ 800 aliaj partumantoj.



Prezo 49 € plus sendokostoj.

Aktuale Esperanto sensacie furoras. Dum la lastaj tri jaroj aliĝis 1,4 milionoj al la senkostaj kursoj de „lernu" kaj „duolingo". Paralele kreskas ankaŭ la partumantaro de la junularaj kongresoj.

Bildojn de Stelo-moneroj oni vidas sub Wikimedia Commons: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo.

Mag. Walter Klag
Fakdelegito por numismatiko ĉe Universala Esperanto-Asocio UEA

Pri Saussure: https://eo.wikipedia.org/wiki/Rene_de_Saussure
Verkoj de René de Saussure en Aŭstria Nacia Biblioteko:
https://www.onb.ac.at/
Pri la Stelo:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Stelo_(monunuo)



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen,**
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**